ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, Slovakotour, ĈSR-Slovakujo
V-a JARKOLEKTO • NOVEMBRO-DECEMBRO 1950 • NUMERO 11-12

*D-ro Ludoviko Izák:*

# Vizito en la ŝtoniĝinta mondo

Ni prezentas al vi koncizan priskribon, kiel ekestas la t. n. karstaj fenomenoj kaj iliaj unuopaj formoj, dezirante atentigi vin pri kelkaj interesaj kaj utilaj detaloj, por ke vi povu pli bone rimarki, diferencigi tiaspecajn naturbelaĵojn kaj tiamaniere akiri pli profundan impreson, se vi vizitos kalkoŝtonajn grotojn. Ilia vizito okazadas kutime amase en grupoj: la rapida klarigado de la gvidanto, ĉe sufiĉe longa karavano ne estas ĉiam klare aŭdebla kaj bone komprenebla. Krome la tien- kaj reen-, supren- kaj malsuprenirado, eĉ grimpado, estas tre lacigaj. Samtempe amasiĝas tiom da neatenditaj kaj rapide ŝanĝiĝantaj impresoj, ke la memoro povas konservi nur supraĵan imagon. El nia propra sperto ni scias, ke sen almenaŭ parta ensekretiĝo oni povas viziti eĉ kelkfoje la saman grotosistemon sen sufiĉaj kompreno kaj ĝuo.

Kvankam la bildoj de V. Benický, L. Hajduch kaj J. Halaša, volonte pruntedonitaj de Matica Slovenská kaj Kooperativo de Grotoj de Demänová, devenas el la grotoj slovakaj, tamen ne temas pri ia ajn oficiala aŭ gvidlibra propagando. — Pro teknikaj kaŭzoj la unuopaj bildoj ne sekvas ĉiam precize unu post la alia!

*

Se vi — ni supozu — post veturado laŭlonge de la Vag-valo, proksime de la grotoj de Demänová (pron.: Djemenovaa) — entreprenas turisman ekskurson, vi povas konstati, ke la pejzaĝo estas tute malsovaĝa inter la mezaltaj plaĉaj montoj, kiel ekz. la ĉirkaŭaĵo de la rivereto Lúčanka (pron. Luuĉanka), alfluo de la grotosistemo (1). Do kie troviĝas la karstaj fenomenoj?

Venu kaj ni veturu disde la alia flanko, el urbo Liptovský Sv. Mikuláš (Skta Nikolao de Liptov). Post 12 km jen alia panoramo (2). En la Nord-slovakuja Karsto ni eniras longan valon de la sama rivereto, sed ĝi portas jam alian nomon: Demänovka. Ambaŭflanke leviĝas krutaj blanketaj rokegoj, ĉe kies piedoj la rivereto trankvile fluas (3). Sed — ĉu ĝi efektive estas tiel trankvila, malsovaĝa rivereto? Tute ne, kiel atestas bildo el la valo aŭ kanjono de Prosiek (Prosjek), montranta, ke riveto povas — nature nur dum jarmiloj — trabori ankaŭ rokon, kiu sin lasas (4).

La rivereto Lúčanka alvenis antaŭ masivan rokegon. Kio okazas? Vi certe respondos: — La rivereto ĉirkaŭfluas la rokegon!... Ho ne! Okazas io tute alia: la akvo malaperas antaŭ la okuloj de la pasantoj! (5)

Dum longa tempo neniu zorgis pri tio. Nur Alojzo Král, moravi-devena Ĉeĥo, tiama instruisto en L. Sv. Mikuláš, partopreninto de la malkovraj laboroj ĉe — ankaŭ mondfama — Moravia Karsto, ne povis dormi kaj ekskursadis tien por mediti, kien la akvo nur povas malaperi kaj kion ĝi povas fari subtere? Ĉar kvankam en Slovakujo ekzistas multaj eniroj de pluvegaj akvoj, kiuj dum jarmiloj lasis klarajn postsignojn de sia kaviga, detrua agado en formo de ĉiuspecaj sulkoj, benkoj, ŝtupoj, elstaraĵoj ne nur surflanke, sed eĉ sur la plafono — tamen akvo ne troviĝas plu en ili (6).

Sed nia subtera rivereto post kelkcent metroj — jam, kiel dirite, sub alia nomo — reaperas sur la tera surfaco, kiel ekz. ĉi tiu ĝia alfluo, tuj evidentiganta sian kavigan, solvan laboron ankaŭ sur la fundamento de sia fluejo (7).

La menciita instruisto ĝisatendis la sekan jaron 1921 (8) kaj trapenetris aŭ pli bone dirite trarampis unu el la kanaloj de la subteriĝanta rivereto (9). Post longa kaj malfacilega esplorlaborado li malkovris sekajn subterajn koridorojn, elkavigitajn per la rivereto, kiun li pli poste atingis bruegantan en la malproksimeco kaj profundeco (nia bildo —10— montras, nature, la hodiaŭan staton). Li konvinkiĝis, ke la akvo kavigas, solvas, detruas ankaŭ subtere. Aliflanke ĝi intencas denove plenigi, almenaŭ parte, la kavigitajn spacojn, kiel vi vidas laŭ la pendaĵoj sur la plafono, laŭ elkreskaĵoj konusformaj, kiujn la rivereto denove neniigas, sublavante la plafonon okaze de pluvego kaj sekva plenigo de sia kanalo, ĉar multloke, kiel sur la bildo (11) la plafono kliniĝas, alproksimiĝas al la riveretsurfaco kaj fariĝas netrairebla (la t. n. sifono).

La Sudslovakia Karsto, en kiu troviĝas i. a. la groto Domica, havas tute alian karakteron. Ĉi tie ne etendiĝas krutaj kalkoŝtonegoj, sed male, sufiĉe larĝaj kanjonoj de rivereto inter altaĵoj ĉirkaŭ 400 metraj (12). La deklivoj estas kovritaj per kalkoŝtonoj, kiel estas videble sur la bildo (13) el tempo, kiam ankoraŭ estis permesate bruligi lignokarbon el la maldensa kreskaĵaro. Sed ankaŭ la surfacoj de la altaĵoj estas kovritaj per kalkoŝtonoj kaj inter ili kaŝiĝas funelformaj kavoj (14), kie la pluvega akvo amasiĝas kaj sorbiĝas subteren. En tia karsta regiono la vegetaĵo estas tre modesta, ĉar la akvo forportas la humon, tute nudigante la kalkoŝtonojn. En la proksimaj funeloj la loĝantaro kulturas legomojn (brasikon, terpomojn) linon k. s. (15) aŭ konstruas cisternojn por la brutaro (16).

La kampoj, sur kiuj troviĝas nudigitaj kalkoŝtonoj, nomiĝas skrapkampoj (17), ĉar la falanta kaj fluanta akvo faras skrapojn, t. e. sulkojn, kavojn, truojn sur ili (18), eĉ en ili (19).

Kiel povas okazi tiu ĉi fenomeno? Kial la akvo ne faras skrapojn ekz. sur la rokoj granitaj? Ĉar la akvo povas solvi la kalkoŝtonon, sed ne la graniton! La pluvakvo englutas karbondioksidon, kiu troviĝas etkvante en la aero. Ekde nun ĝi kondutas kiel maldensa karbonacido: ĝi solvas, likvigas la kalkoŝtonon, ŝanĝante ĝin en acidan kalcikarbonaton. La kalkenhava akvo penetras tra funeloj, fendoj kaj kapilaroj en la teron, en la subterajn spacojn, elkavigitajn per sia laboro aŭ per la fluanta akvo (subtera rivereto) kaj tie etendiĝas sur la plafono en formo de gutoj, kiuj po-iome elvaporiĝante, postlasas kalkokonusetojn, pendantajn de sur la plafono aŭ terenfalante ĝi kreas surplankajn formaĵojn laŭ la bildo el la natura enirejo de groto Okno (Fenestro), fotogratifa elinterne (20). Nome en la subteraj sekaj spacoj la kalkoza akvo varmiĝas kaj elvaporiĝinte restigas sian enhavon en formo de normala kalcikarbonato aŭ kalkoŝtono — se ni povas diri — distilita.

La surfaco de la grota planko estas kovrita per kalkoŝtona surfluaĵo, la t. n. sintro. Se la kalkoŝtono elfalas sur la tersurfaco, ĝi nomiĝas travertino (21). La sintro kreskas, dikiĝas per amasiĝo de novaj kaj novaj tavoloj, tial ĝia facetita sekco montras belegan multkoloran strukturon internan.

Tre instrua estas la fotografaĵo de ŝtonminejo proksime de urbo Trenĉín en okcidenta Slovakujo, kie estis malkovritaj etaĝoj de kalkokonusa groto. Ni vidas nature jam nur la murojn, entute 13 m altajn (22).

Nun ni pririgardu la ornamaĵojn de la plafono. Kiel dirite, la trasorbiĝinta akvo amasiĝas laŭlonge de la plafono en gutoj, sinsekve elvaporiĝantaj. Tiamaniere la restaĵo fariĝas trosaturita de kalcikarbonato acida, kiu elfalas, eksiĝas, postrestas, formante komencan tubeton (23), poste pli longan tubon, „plumtrunkon" (24), kies interno estas malplena, do regula kanaleto. Se la centra kanaleto ŝtopiĝas per kalkoŝtono, la akvo sorbiĝas flanken tra kapilaroj kaj ekestas kalkokonusa prujno (25). Se la tubo estas malsekigata, nutrata ne nur elinterne, sed ankaŭ de ekstero per la trosaturita kalkoza akvo, fluanta de sur la plafono, laŭlonge de la surfaco, estiĝas kalkokonusoj karotformaj. Ili povas esti diverskoloraj, laŭ la enhavo de la akvo. Se ĝi entenas nur puran kalciton, la konusoj estas neĝblankaj. Se ĝi entenas ankaŭ fer-hidroksidon, ili povas esti flavaj ĝis ruĝaj. Se ĝi enhavas manganon, la sintro estas nigreta. Belega estas la kombinaĵo de diverskoloraj kalkokonusoj! Sur la plafono ili povas amasiĝi tiel dense, ke ili formas la t. n. kalkoŝtonan aŭ simple ŝtonan sunon, kies multkoloran naturan belecon ni bedaŭrinde ne povas ĉi tie reprodukti (26). Starante sub ĝi ni eksentas timigan impreson, ke ĉio povus fali sur nian kapon.

La kalkokonusoj povas kreski ankaŭ en sferoida, bulba, rafana, vinberara kaj aliaj formoj (27), laŭ la malhelpaĵoj, kiujn renkontas la ilin nutranta kalkoza akvo kaj ankaŭ laŭ ĝia kvanto dum diversaj epokoj, ĉar la kalkokonusoj kreskas malrapide, onidire nur unu milimetron dum dek jaroj (sed ankaŭ tio ne estas preciza mezuro).

La kalkokonusoj, pendantaj de sur la plafono, nomiĝas stalaktitoj. Ili povas akiri ankaŭ formon de kurtenoj pli glataj (28) aŭ pli faldumitaj (29) aŭ de kolora arbo, kiel la t. n. arbo de vivo (30). Ili povas formi draperiojn, kiel sur la bildo (31). Supre maldekstre vi vidas imponajn densajn, mamformajn stalaktitojn, dekstre, sub ili, stalaktitan tamburon. Ĝi konsistas el du diskoj, elkreskantaj sur la muro aŭ plafono tute oblikve, laŭlonge de la fendoj, malsekigataj, nutrataj per kalkoza akvo (32). El sub la tamburo pendas kalkokonusoj. Se ili pro troa pezo deŝiriĝas kaj falas teren, postrestas la supra disko, sub kiu estis malplena spaco kaj ekestas la t. n. ŝildo, eĉ de impona grandeco (33).

La akvo de la subtera rivereto povas pligrandiĝi kaj forlavi la surplankan argilon, postlasinte la sintrofalon kiel pendantan lustron (34).

La akvo povas kaŭzi skrapojn en la groto mem, sur la sintrofalo (kalkoŝtona, sintra akvofalo) kaj ekestas la t. n. sulkoj de diablo (35).

La sintraj akvofaloj povas atingi diversajn, tre plaĉajn formojn kurtenajn (ekz. —36— la t. n. kolonoj de Simsono) aŭ buletajn. El kombino de kurtenoj kaj buletoj ekestas la t. n. funebraj salikoj kaj ŝtonaj akvofaloj (37) kiuj povas esti altaj kelkdekojn da metroj kaj etendiĝas tra pliaj etaĝoj de la groto.

Kalkokonusoj, elstarantaj sur la planko de la groto, nomiĝas stalagmitoj. Ili kreiĝas tiamaniere, ke la akvo, terenfalanta de sur plumtrunko aŭ konuso, unue elĉizas la sablon surplankan, sed poste, elvaporiĝinte, ĝi postlasas kalkoŝtonan restaĵon, kreante bazojn de la fariĝontaj stalagmitoj (38).

Kaj la stalaktito kaj la stalagmito kreskas, plilongiĝas tiamaniere, ke ili fine kunkreskas (39, D-ro R. Kettner).

La stalagmito ne havas centran kanaleton, ĝi estas plena (40, D-ro J. Kunský) kaj ĝia sekco horizontala kaj laŭlonga montras tavolitan strukturon, dum la stalaktito havas centran kanaleton, kvankam ofte malbone sekveblan. (41, D-ro J. Kunský).

La bazoj de la stalagmitoj povas kunkreski aŭ ne kaj sekve ekestas izolaj, pli dikaj aŭ en grupoj, pli maldikaj. Ilia pinto povas esti pli akra, se la gutoj falas de alto malgranda aŭ ĝi povas esti malakra, se la akvogutoj falas sur ĝin per pli granda forto. Tiamaniere formiĝas bareletoj (42), kandeloj (43), vazoj kun cisternetoj (44), se la akvo disŝpruciĝas al mallonga distanco. — Stranga formo de stalagmito estas la t. n. sin paŝtanta ŝafo (en viva grandeco), rigardata de malantaŭo (45).

La stalagmitoj povas elkreski al granda alteco kiel ekz. la 5m alta gracia kolono (46) aŭ ili povas atingi formon de pagodo pli gracila (47) aŭ pli dika (48).

*La kalkoŝtono brilas, onidire ĝi vivas, se ĝi estas malsekigata, lavata, nutrata per kalkoza akvo. Kalkokonuso, perdinta sian nutran fonteton aŭ fontetojn, jam ne brilas; ĝi estas griza, morta.*

Sur la bildo (49) ni vidas akrajn stalaktitojn kaj stalagmitojn kiel dentojn de ia ŝtoniĝinta sovaĝa besto. La stalaktito kaj la stalagmito povas alproksimiĝi tiel, ke inter ili restas nur kelkcentimetra, eĉ kelkmilimetra spaco. La longeco kaj dikeco de la kuniĝontaj kalkokonusoj povas esti tre varia kaj ili kunkreskas eĉ neregule (50). Post la kunkresko ekestas stalagmo-stalaktito aŭ stalagnato, stalaktita kolono. La kolonoj povas esti bastonformaj aŭ pli masivaj (51) aŭ konsistantaj el pluraj stalagnatetoj. — Tre varias ankaŭ ilia alteco (52).

El kombino de diversaj formaĵoj estiĝas la t. n. arbaretoj, haloj, koridoroj ktp. (53).

Stalaktita kolono povas rompiĝi, kiel kiu ajn kalkokonuso, pro kaŭzo diversa: pro troa pezo, kliniĝo, parta moviĝo de la bazo aŭ tegmento (54). Jen kuŝas kolono, rompita en pecojn, sed ĝi tamen vivas, almenaŭ ĝia parto, sur kiun falas kalkoza akvo. Sur ĝi kreskas nova stalagmito en formo oblikva, ĉar ĝia nutranta fonteto sinsekve pluen ŝoviĝis (55). Ĉi tie derompiĝis la suba ornamaĵo de stalaktita tamburo kaj sur ĝiaj branĉoj, horizontale elstarantaj, kreskas novaj formaĵoj: supren stalagmitoj kaj malsupren stalaktitoj (56).

En kalkoŝtonaj lagetoj formiĝas ankaŭ unikaĵaj buletoj, cilindretoj kaj pizetoj. Oni povus diri, ke ia ruzulo ŝovis ilin tien, sed la bildo instruas pri ilia ekesto. Ili ĝermas kaj rompiĝas disde la sintro aŭ ili povas fali de sur la plafono kaj la fluanta akvo ilin movigas, turnas, modelas, globigas (57).

La subakva sintro amasiĝas ankaŭ en formo vinberara aŭ buleta kaj ĉe lagetsurfaco ĝi povas etendiĝi plate kiel n i m f e o. — Sur nimfeoj povas kreski stalagmitoj kiel ekz. la krinolina dancantino kun sia kunulino (58).

Interesa estas ankaŭ la kreskado de stalagmito s u b akvo, s u r akvo kaj s u p e r akvo. Jen kandelingforma subakva stalagmito kun vinberarforma kolumeto kaj surfaca pladeto. Sur ĝi brilas p e r l o, bazo de la jam superakve elkreskanta stalagmito (59). Post longega tempo la perlo elkreskas en k a n d e l o n kaj ni vidas stalagmitan k a n d e l i n g o n kun kandelo (60). Poste la kandelingo ŝanĝiĝas en dikan kolonbazon kun surfaca kolumeto kaj la kandelo ŝanĝiĝas en konusegon (61).

La kalkoza akvo kreas ankaŭ digetojn (62), eĉ imponajn digojn, kaskadojn senakvajn aŭ plenajn de akvo (63, 64, 65).

Laŭ la skemo de Prof. D-ro R. Kettner (65) la digetoj ekestis pli poste ol la stalagmitoj.

La ĉebordaj stalaktitoj povas pendi super la akvo, ne atingante ĝian surfacon aŭ ili formas — en kombino kun aliaj formaĵoj — belegajn ĉemurajn galeriojn (66). — Se la akvo malsupreniĝas, ekestas seka, morta kolumeto (67). Kontraŭe la akvo post ia tempo povas denove altiĝi, kovri la iaman mortan kolumeton, kiu reviviĝas. Se la malaltiĝo de la akvo okazadas en sinsekvaj etapoj, estiĝas eĉ kelketaĝa sintra nimfeo (68).

Se temas pri pli alta formaĵo de subakva vinberara sintro kaj la akvo subite malaltiĝas aŭ eĉ malaperas, la vinberaroj sekiĝas, ne kreskas plu kaj tiamaniere ekestas tre strangaj formaĵoj (69).

La detrua kaj pleniga laboro de la subtera akvo kreas pli-malpli ampleksajn spacojn kun diversforma sintra ornamaĵo. Iuj estas nur pene traireblaj, la aliaj ebligas ravigan boatveturadon (70).

Sur la bildo 70e **Ján Majko**, slovaka groto-malkovranto.

Kaj jen: fino de la stalagmita beleco, ĉar en kalkoŝtonaj grotoj troviĝas ne nur kalkokonusoj, sed vivas ankaŭ vespertoj (71), kiuj pendas tranoktante sur la grotoplafono, kiel kvazaŭ animalaj stalaktitoj, el kiuj ne falas nutranta kalkoza akvo, sed kontraŭe ekskremento, la t. n. guano, solvanta la kalkoŝtonon (72). Ĉe la tuŝa surfaco de la kalkoŝtono kaj guano oni malkovris mineralon brushit (pron.: braŝit).

Ne nur vespertoj kaj la senokula kankreto Niphargus (73) troviĝas, sed ankaŭ la prehistoria homo vivis en la kalkoŝtonaj grotoj, kiel atestas neolitaj potoj (74), ostoj (75), laboriloj, bataliloj (76), aŭtentikaj surmuraj desegnaĵoj (77). Ĉio ofte estas kovrita per sintro. — La ornamaĵoj sur la potoj estas vere belaj, eĉ artistaj (78). Tial la kalkoŝtonaj grotoj ebligas ne nur ravigan travivaĵon al naturamantoj, sed ankaŭ seriozan sciencan esplorlaboron kulturhistorian.

---

**Slovenská speleologická spoločnosť** (Slovaka Speleologia Societo) en LIPT. MIKULÁŠ, ČSR-Slovakujo, serĉas kontakton kun similaj tutmondaj organizoj kaj respektivaj fakoj de sciencaj institutoj por interŝanĝo de publikaĵoj. Ni petas nian tutmondan samideanaron peri la ĉi-specajn interrilatojn. De japana s-ano Sekiguĉi — pere de s-anino Milda Jakubcová — ni jam ricevis priskribon de la groto „Rjuga doo“ kun bildkartoj. Ĉi-maniere ni pruvu la efikon de nia kara lingvo Esperanto! Antaŭdankon! La Redakcio.

**Letervesperon** ni okazigos la 23-an de majo 1951. Ni atendas amason da salutleteroj kaj bildkartoj — precipe pri folkloro kaj naturbelaĵoj — el la tuta mondo. Interkluba korespondado serĉata! Ĉiu skribinto ricevos respondon! Adreso: Esperanto-Klubo, MARTIN, ČSR-Slovakujo.

## ALVOKO

Ĉiam sub la verda stelo
— malgraŭ interspaco —
estu nia sola celo:
paco — paco — paco!

*Bebel Sörensen*

# Enhavo de la V-a jarkolekto

*Ľudo Izák:* KURZ ESPERANTSKÉHO DOPISOVANIA (4. pokrač.).

| | | | |
|---|---|---|---|
| Mi korespondas | . . . .-em | Mi deziras | — mi volas korespondi |
| „ korespondis | . . . .-l som | „ deziris | „ volis |
| „ korespondos | . . . .-ť budem | „ deziros | „ volos |
| „ korespondus | . . . .-l by som | „ dezirus | „ volus |
| „ korespondu | Nech . . . .-m | „ deziru | „ volu |
| — korespondi | . . . .-ť | — deziri | — voli |

Dezir-, vol-, korespond-. . . sú korene slovies a k týmto koreňom pridávame príslušné koncovky časové podľa vzorca:

dezir {
as (prezenco) — prítomný čas
is (perfekto) — minulý čas
os (futuro) — budúci čas
us (kondicionalo) — podmieňovací spôsob
u (imperativo) — rozkazovací spôsob
i (infinitivo — neurčitok

*Ĉu?* — či?, *jes* — áno, *ne* — nie, *sed* — ale.
*ami* — milovať, *ŝati* — mať rád, rád robiť niečo, vážiť si.
Ĉu vi korespondas? Jes, mi k. . . Ne, mi ne k. . . Mi ne k. . .
Ĉu ĉiu skribas? Jes, ĉiu skr. . . Ĉiu s. . . . Ne ĉiu s. . . . Ne, ne ĉiu s. .
Ĉu kamarado Novák ne volos korespondi? . . .
Ne, k . . . N . . . ne v . . . k . . . Sed jes, k . . . N . . . v . . . k . . .
Ĉu ŝi ŝatas skribi (korespondi?) — Či ona rada p. (k.)?
Ĉu ĉiu ŝatas k. . . .? Ne ĉiu ŝ. . . . k. . . .
Amiko, ĉu vi dezirus (volus, ŝatus) k. . .kun mi?
Jes, amiko, mi deziros (volos, ŝatos) . . . .
Ne, sinjorino, mi ne deziras korespondi kun vi, sed kun fraŭlino.
Mi ne ŝatus korespondi kun knabo, sed kun sinjoro jes.
*esti* — byť, *ne esti* — nebyť, *nun* — teraz.

Pozor: *ne deziri, ne voli, ne ŝati, ne skribi* (vždy dve slová!)

| | | | |
|---|---|---|---|
| Mi | estas | (ja) som | Mi ne estas — (ja) nie som |
| vi | „ | (ty) si | atď. |
| li | „ | (on) je | |
| ŝi | „ | (ona) je | Kiu vi estas? — Kto ste? |
| ĝi | „ | (ono) je | Kiu estas vi? — Kto ste vy? |
| ni | „ | (my) sme | Ĉu vi estas sinjoro Horák? |
| vi | „ | (vy) ste | Ne, sinjoro, mi ne estas Horák, sed Novák. |
| ili | „ | (oni) sú | Ĉu ŝi estas Anna Ondríková? Jes. . . |
| oni | „ | (ľudia) sú | Kiu estas Ján Veselý? . . . Mi estas . . . |

Kun kiu kamarado vi nun korespondas?
Nun mi k . . . . kun kamarado . . . . .
Ĉu vi ne ŝatas k . . . . kun fraŭlino?
Jes, mi . . . . Mi ne ŝ . . . .
*Kio?* — čo? *ĉar* — lebo, keďže; *sed* — ale; *edz(in)o* — manžel(ka)
Kio vi estas? — Čo ste?

Mi estas sinjorino, ĉar mi estas edzino.
Mi estas fraŭlino, ĉar mi ne estas edzino.
Mi estas sinjoro, sed mi ne estas edzo, ĉar mi estas fraŭlo.

Albánec - Albano
Angličan - Anglo
Arab - Arabo
Belgičan - Belgo
Bulhar - Bulgaro
Čech - Ĉeĥo
Číňan - Ĉino
Dán - Dano
Estonec - Estono
Fín - Finno
Flám (Flamand) - Flandro
Francúz - Franco
Grék - Greko
Holanďan - Nederlandano
Chorvát - Kroato
Ind - Hindo
Indián - Indiano
Írčan - Irlando
Islanďan - Islandano
Ital - Italo
Izraelit - Izraelido
Japonec - Japano
Juhoslovan - Jugoslavo
Kórejec - Koreano
Litvanec - Litvano
Lotyš - Latvo
Maďar - Hungaro
Nór - Norvego
Peržan - Perso
Nemec - Germano
Poliak - Polo
Portugalec - Portugalo
Rakušan - Aŭstro
Rumun - Rumano
Rus - Ruso
Slovan - Slavo
Slovák - Slovako
Slovinec - Sloveno
Srb - Serbo
Škót - Skoto
Španiel - Hispano
Švajčiar - Sviso
Švéd - Svedo
Talian - Italo
Tatár - Tataro
Turek - Turko
Ukrajinec - Ukrainano
Žid - Judo, Hebreo

Niektorí zahraniční esperantisti — podľa svojej materinskej reči — mená príslušníkov národov píšu *malými* začiatočnými písmenami, čo nie je chyba.

Kun kiu vi volus korespondi?
Mi volus korespondi kun (Francino, Polino, rusa kamaradino).
Kiu vi estas?... Mi estas Vladimír Čierny.
Kio vi estas, ĉu Slovako?... Ne, mi ne estas Slovako, sed Nederlandano (nie Holandano, lebo Holando je ostrov!)

*Ĵ, ĵ* — Ž, ž; *ĵurnalisto* — novinár; *lernanto* — žiak; *povi* (č.: póvi) — môcť; *ne povi* — nemôcť; *jam* — už; *aŭ* — alebo; *ankaŭ* — tiež; *ankoraŭ* — ešte; *ankoraŭ ne* — e. nie.

Výzva:

S-ano Einar Adamson GÖTEBORG, Svedujo.

Mi deziras korespondi kun vi. Ĉu ankaŭ vi ŝatus skribi al mi? Mi estas knabo, lernanto, Slovako. Ĉu ankaŭ vi estas ankoraŭ knabo aŭ ĉu jam sinjoro? Vi estas Svedo, ĉu? (ĉu ne?)

JOZEFO ROSA, MARTIN-VRÚTKY, Dolná Kružná 18; ČSR

Nepriaznivá odpoveď:

Amiko, mi ne povas korespondi kun vi, ĉar mi ne estas knabo, lernanto, sed ĵurnalisto (redaktoro). Jes, mi estas Svedo!

Kun sincera saluto EINAR ADAMSON

Pozor: meno a bydlisko napíšte si vždy paličkovými písmenami!

Dôležité pravidlo: v esperantskej opytovacej vete musí byť vždy opytovacie slovíčko ĉu (či), alebo opytovacie zámeno *kiu* (kto), *kio* (čo). Nesprávne by sme sa pýtali: — Vi estas kamaradino N.? Správne: *Ĉu* vi estas...